

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Kongresa Numero Jaro 6 N-ro 3 (22) septembro de 2007

NOVAĴO

**La 4-a kunveno rimarkinda en Jokohamo**

Inter la 4-a kaj 11-a de aŭgusto, 2007, la 92-a UK solene okazis en Jokohamo, Japanio, kun temo: **Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto**, kaj 1901 aliĝintoj el 57 landoj. La 4-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj oficiale okazis la 5-an de aŭgusto je 13:30-14:30 en la salono Yamazoe de Pacifiko-Jokohamo, la ĉefkongresejo de la UK. Ĝin ĉeestis pli ol 40 kongresanoj el Belgio, Ĉeĥio, Ĉinio, Finnlando, Francio, Italio, Germanio, Japanio, Kubo, Koreio, Litovio, Nederlando, Pollando kaj Nov-Kaledonio (Francio). La komisiito prezidis la kunvenon kaj faris Jaran Raporton de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2006. Taksinte la projekton s-ro Renato Corsetti kaj s-ino Maritza Gutiérrez González en siaj paroladoj substrekis, ke Esperanto povis vigligi la agadon Ĝemelaj Urboj pere de aktiva kontakto inter esperantistoj. El la paroladoj de s-ro Pieter Engwirda, s-ro Egawa Harukuni kaj s-ro Michael Cwik la akcento de la projekto falis je faciligo de interŝanĝo inter instancoj de ĝemelaj urboj kaj civitanoj, kaj konigi valoron de Esperanto el la projekto. S-ino Zsófia Kóródy el la Esperanto-urbo en Germanio kaptis tiun ĉi ŝancon kaj plie prezentis la Esperanto-urbon, precipe Esperanto-instruadon, s-ro Sun Mingxiao, kiu profitas de la agado ĝemelaj urboj, t.e. de helpo de s-ro Egawa Harukuni, sukcese vizitis Japanion kaj prezentis la 2-an Zaozhuang Feston de Esperanto okazota en la venonta oktobro. La kunveno finiĝis en amikeca interŝanĝo.

**Salutvortoj al Renato Corsetti**

Mi ne troigas la fakton, ke Renato Corsetti kaj planis kaj faris iniciatemajn laborojn por Esperanto. Dum sia ses-jara prezidanteco de UEA Li per sia personeca ĉarmo unuiĝigis kaj allogis vastajn esperantistojn, kaj per unika labora metodo gvidis diversajn laborojn kaj kiel ordinara esperantisto ĉiurimede tenis intiman kontakton kun samideanoj, tion sufiĉe pruvis ekzemplo, ke preskaŭ ĉiutage li "deĵoris" ĉe la retlistoj de Yahoogroups por peri informojn kaj respondi diversajn demandojn. Kun neretenebla sento oni sentas, ke la prezidanto ĉiam estas ĉe ili Eĉ nun li elirinta el la estraro de UEA ne forlasas tiun kutimon kaj persistas en deĵoro ĉe la retlistoj. Mi pensas, ke mi havas kvalifikon fari tian takson, ĉar mi laboris kune kun s-ro Renato Corsetti ŝultre ĉe ŝultro pro la projekto Ĝemelaj Urboj.

Mi aperigis miajn salutvortojn en la retlistoj de Yahoogroups por la nova jaro 2002. En ili mi menciis Proponon al Esperantistoj en Ĝemelaj Urboj. Estis aktivaj konsidero kaj reago de s-ro Renato Corsetti al tiu propono kiuj ekaperigis la projekton Ĝemelaj Urboj en la laboroj de UEA. De naskiĝo de la projekto al ellaboro de la laborplano, de tralego de la reta bulteno "Informilo de Ĝemelaj Urboj" al cenzurado pri la grava dokumento " Publika Letero al Urbestroj" li enverŝis sian zorgon kaj energion. Li montris la laborodividon de kvar funkciuloj de la projekto, t.e. la komisiito kunlaboras ĉefe kun estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado kaj ĝenerala direktoro de la CO de UEA, la prezidanto restas je dispono por eventuala helpo. Estis lia kuraĝa elekto kiu povas igi min, ĉina esperantisto, havi ŝancon servi al la esperantistoj en la mondo kaj praktiki Esperanton en tiu laboro. El li mi vere komprenas la signifon de Esperanto-laboranto:

Bezono de esperantistoj ja estas mia devo kaj tasko, bezono de esperantistoj ja estas la celo de la projekto.

Por aktivigi la movadon lokan kaj landan, inkluzive de la movado en ĝemelurboj li starigis la liston lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com. Li ĉeestis Kunvenon de Ĝemelaj Urboj okazintan dum la 90-a UK en Vilno, Litovio, kaj faris paroladon en la sama kunveno dum la 92-a UK en Jokohamo, Japanio. En la pasintaj 6 jaroj la laboroj de UEA riĉiĝis pro lia imagebla, iniciatema kaj diligenta laboro, la projekto Ĝemelaj Urboj brilis pro lia subteno kaj partopreno. Renato Corsetti estas unu el fondintoj kaj konstruantoj de la projekto.

**Salutvortoj al Maritza Gutiérrez González**

S-ino Maritza Gutiérrez González el Kubo estis elektita nova estrarano de UEA pri landa kaj regiona movado dum la 89-a UK okazita en 2004 en Pekino, Ĉinio. Laŭ la laborodivido ŝi spontane fariĝis unu el kvar funkciuloj. Ni neniam vid-al-vide interparolis, eĉ en la lasta Jokohama UK, sed ŝi donis al la projekto specialan zorgon kaj subtenon. Kunveno de Ĝemelaj Urboj entute kvarfoje okazis en la pasintaj kvinjaro, sed ŝi ĉeestis tri el ili, interalie prezidis du el ili kaj faris paroladon en unu el ili. Ŝi serioze cenzuris la dokumenton ”Publika Letero al Urbestroj” kune kun Renato Corsetti kaj Osmo Buller, kaj donis multajn proponojn al la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj, anticipe mendi ĉambron por garantii okazon de Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj ĝustatempe informis la komisiiton pri tio. Ŝi ne nur peris koncernajn informojn, sed ankaŭ aktive helpis la komisiiton trakti ilin. Unu el bonaj ekzemploj estas trakti peton de Granma Esperanto-Filio en Bajamo en Kubo pri informoj en ĝemelaj urboj. S-ino Maritza Gutiérrez González pli bone klarigis la devon kaj taskon de estrarano pri landa kaj regiona agado per sia praktika agado. Ŝi ludis gravan rolon en evoluo de la projekto.

**Novaj funkciuloj de la projekto**

Nova estraro de UEA naskiĝis en la 6-a de aŭgusto en la kunsido de la komitato. S-ro Probal Daŝgupto el Barato eniris en la postenon de nova prezidanto, s-ro Hori Yasuo el Japanio fariĝis estrarano pri landa kaj regiona agado. Kiel oni klare sciis Kvar Funkciuloj de la projekto konsistas el prezidanto, estrarano pri landa kaj regiona agado, ĝenerala direktoro de la CO kaj komisiito. Novaj funkciuloj de la projekto devas esti Probal Daŝgupto, Hori Yasuo, Osmo Buller kaj Wu Guojiang. Ĉi tie mi elkore dankas s-ron Renato Corsetti kaj s-inon Maritza Gutiérrez González pro siaj gravaj kontribuoj al la projekto, kaj kredas, ke ili povu daŭre partopreni kaj subteni la projekton per diversaj metodoj.

**Respondo de s-ro Probal Daŝgupto al la komisiito**

”Kiel vi scias la projekto Ĝemelaj Urboj estas parto de la laboroj de UEA, sed antaŭ 4 jaroj vi en via retmesaĝo diris ’Ne plu sendu al mi Informilon de Ĝemelaj Urboj, ĉar mia laboro ne rilatas al ĝemelaj urboj, do, kiel nova prezidanto de UEA, kiel vi partoprenas kaj subtenas la projekton?” tiu ĉi estis demando, kiun la komisiito levis al s-ro Probal Daŝgupto en la kongresa programo ” Nova estraro sin prezentas” okazinta ĵaŭde je 9:00-10:30, la 9-a de aŭgusto en salono Hodler. S-ro Probal Daŝgupto malkaŝe respondis: ”En tiu tempo mi ne estis prezidanto de UEA”, kaj plue esprimis, ke li subtenos ĉiun laboron de UEA inkluzive agadon de ĝemelaj urboj ricevinte gratulon de la komisiito al lia prezidanteco post finiĝo de tiu programo. Bedaŭrinde en iuj ttt-ejoj tiu demando estis mallongigita, nome, Kiel Probal antaŭ 4 jaroj diris al mi ke lia laboro ne rilatas al

ĝemelaj urboj?

**Propono el Simo Milojević al la projekto**

Vespere la 10-a de aŭgusto, ekster Salono Zamemhof (Minato Mirai) mi hazarde renkontis s-ron Simo Milojević, iama ĝenerala direktoro de Centra Oficejo de UEA. Dum interparolado li ĝojis infomiĝinte, ke mi ja estis la komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj, kaj opiniis, ke amikiĝigi esperantistojn en urboj kaj teni oftan kontakton inter esperantistoj en ĝemelaj urboj estu bazaj kondiĉoj aktivigi la projekton.

**Ĝemelaj Urboj, mia alia nomo**

Dum la 92-a UK kun sep-taga daŭro mi ofte renkontis nekonatajn esperantistojn en restoracioj, hotelo, kongresejo, promenado, eĉ survoje al kongresejo aŭ hotelo. Kiam mi prezentis mian nomon, kelkaj el ili rekte diris al mi: vi estas Ĝemelaj Urboj. Refoje renkontinte tiujn samideanojn ili rekte diris : "saluton, Ĝemelaj Urboj." Jes, Ĝemelaj Urboj ne estas mia nomo, tamen mi tre ŝatas tiun ĉi nomiĝon. Tio signifas, ke samideanoj akceptas min, akceptas tiun ĉi laboron pri ĝemelurboj. ---Wu Guojiang

**La projekto en kongresa kuriero**

"Ondas Jokohamo" estas kongresa kuriero de la 92-a UK, ses numeroj kaj ekstera numero estis legebla dum la kongreso kaj posta numero aperis post la kongreso. En n-ro.4 Ondas Jokohamo estis raporto pri la 4-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj, kaj en ekstera numero aperis invito de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) al samideanoj en regionoj kaj urboj de Japanio, kiuj havas oficialajn ĝemelajn rilatojn kun la provinco Liaoning kaj siaj koncernaj urboj, inkluzive du guberniojn Kanagawa kaj Toyama, kaj urbojn Tonami, Sapporo, Kawasaki, Obihiro, Maizuru, Tokushima, Iwaki, Yubari, Miyazaki, Nagao, Takaoka, Kitakyusyu ktp.

**La listo de la ĉeestintoj**

Belgio: Michael Cwik. Ĉeĥio: Libuše Dvořáková, Viktor Dvořáková. Ĉinio:Wu Guojiang, Sun Mingxiao, Liu Zhengkun, Wang Xigeng, Mu Chunlei. Finnlando: Sirkka Mattlin. Francio: Daniel Biro Walker, Michel Dethy. Italio: Renato Corsetti. Germanio: Zsófia Kóródy. Japanio: Okubo Shin'ichi, Hishinuma Naoko, Ookubo Yukiko, Tsuchiya Yoshiji, Kimura Akitoshi, Sato Yukiko, Egawa Harukuni, Hoŝida Acuŝi, Kuroda Masatoshi, Shimizo Hiroko, Hirose Mariko. Kubo: Maritza Gutiérrez González. Koreio: Im Han-u. Litovio: Alfredas Maruška. Nederlando: Pieter Engwirda. Pollando: Zdzislaw Glajcar. Nov-Kaledonio (Francio): Lena Leroy. Ĉi tie ne aperis parto de kongresanoj, kiuj ne subskribis siajn nomojn sur la registro.

**Saluto de urbestro de la Esperanto-urbo al UK**

Kiel Urbestro de Herzberg -- la unua urbo en la mondo kromnomita "Esperanto-urbo" -- mi transdonas al vi la plej varmajn bondezirojn de sukceso en la nomo de la enloĝantaro de la Urba Konsilantaro kaj en mia propra nomo. Kun ĝojo kaj fiero mi informas vin, ke en Herzberg jam de kelkaj jaroj Esperato estas instruata en kelkaj lernejoj ... La "Esperanto-urbo" estas via urbo: Tial mi invitas vin viziti kaj ĝui ĝin venontjare kunlige kun la Universala Kongreso en Roterdamo.--- Gerhard WALTER

URBA STILO KAJ TRAJTO

**Jara Raporto de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2006**

Inventarinte la laborojn de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2006, diferenca ordinareco aktuale estas la priskribo de ĝia tuto.

## 1. Funkciuloj de la projekto

S-ro Renato Corsetti, s-ino Maritza Gutierrez Gonzalez, s-ro Osmo Buller kaj s-ro Wu Guojiang, kvar funkciuloj de la projekto, kune subskribis Publikan Leteron al Urbestroj kaj oficiale publikigis ĝin en la revuo Esperanto (n-ro.7-8, 2006), organo de UEA. Se la konciza laborplano naskiĝinta en la unuaj kvar funkciuloj estas la unua dokumento de UEA por starigi la projekton, do, tiu ĉi letero devas esti la dua dokumento de UEA por efike antaŭpuŝi la projekton. S-ro Renato Corsetti peris kaj aperigis la priajn informojn en la listoj, s-ro Osmo Buller prenis multon da tempo cenzuri ĉiun numeron de Informilo de Ĝemelaj Urboj, s-ino Maritza Gutierrez Gonzalez organizis la 3-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj okazita dum la 91-a UK en Florenco. Garantiinte regulan aperon de la reta bulteno Informilo Ĝemelaj Urboj la komisiito faris aktivajn respondojn al kelkaj demandoj el esperantistoj, ekz. Kiel starigi ĝemelan ritalon inter urboj? Kiel servi al ĝemelaj urboj per Esperanto? Kiel iniciateme labori por tiu kampo? ktp.

## 2. Laborplano de la projekto

2.1 Reagoj

152 urboj aperis en la mesaĝoj ricevitaj de 102 esperantistoj el 46 landoj en 2006. Post reta diskutado pri temo farita de la komisiito oni konfirmis, ke la unua paro da ĝemelaj urboj fondita en la mondo estis la brita urbo Keighley/Yorkshire kaj la nordfranca urbo Poix-Du-Nord/Nord-Pas-de-Calais, kaj el tio sciis, ke la Esperanto-klubo de Keighley estis la unua Esperanto-organizaĵo en Britio kiu fondiĝis proksimume en 1905. La Revuo Orienta, organo de Japana Esperanto-Instituto, en sia 4-a numero aperis kiel speciala numero pri internacia influo rilate ĝemelajn urbojn. La komsiito regule ricevis la paperajn eldonaĵojn: "Esperanto en Azio"( KAEM), "Vekilo" (Finnlando), "Bazaro" (Rumanio), "Verda Spiko" (Ĉinio) kaj "Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio" (Ĉinio), kaj la retajn: Informletero de Vinilkosmo (Francio) kaj Verda Informo (Germanio), KomACE (Afriko), kaj ekde 2006 li povas legi koloran paperan kurieron "Mikrofone" de Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia. Krome lin atingis la ekzemploj de "Esperanto-info" el Francio kaj "Bulteno de Tancheng-a Esperanto-Asocio" el Ĉinio.

Pro la diligentaj laboroj de s-ro Giuseppe AFFATICATI en Italio kaj s-ro Robert Bogenschneider el Germanio ĉiu numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj estas legebla en la du ttt-ejoj http://www.internacia-gazeto.com/gxemelaj-urboj kaj http://aliaflanko.de/gxemelurboj.php.

2.2 Atingoj

43 kongresanoj de la 91-a UK ĉeestis la la 3-an kunvenon. UEA en sia organo Esperanto (n-ro. 7-8, 2006) oficiale publikigis Publikan Leteron al Urbestroj, kiun kvar funkciuloj de la projekto kune subskribis. Ĝi estas la plej grava dokumento de UEA pri tiu kampo depost fondiĝo de UEA. S-ino Larisa Kuzmenko en la urbo N. Tagil (Ruslando), s-ino Tahira Masako en Kioto (Japanio), LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio), Facila Esperanto, revuo de PakEsA (Pakistana Esperanto-Asocio) tradukis ĝin en la lingvojn rusa, japana, ĉina kaj urdua. La urbestroj de N. Tagil

kaj Kioto, kaj estroj de la koncernaj departementoj de la provinco Liaoning respektive ricevis kaj legis ĝiajn tradukojn. Mongolaj esperantistoj ankaŭ preparis traduki la leteron en mongolan lingvon kaj enmanigi al urbestro de Ulanbatoro, ĉefurbo de Mongolio. Reage al tio la komisiito speciale skribis al urbestroj de Florenco, N.Tagil kaj Kioto.

La voĉdono farita de la urba konsilantaro de Herzberg, Germanio, en la 11-a de julio skuis Esperantujon kaj la mondon! Tio estas, ke la urbo Herzberg am Harz havas la novan oficialan nomon: die Esperanto-Stadt/la Esperanto-urbo. La komsiito rete gratulis al tio, kaj tiujare esprimis longan saluton al la 100-a jubileo de Germana Esperanto-Asocio kies programo enhavis la agadon "Ĝemelaj Urboj". Dank' al la komuna penado s-ro Mario Amadei kaj s-ino Tahira Masako, por subteni la rolon de esperantistoj en la agado de ĝemelaj urboj s-ro Yorikane MASUMOTO, urbestro de Kioto, Japanio, persone skribis kaj sendis gratulan leteron al s-ro Leonard Domenici, estro de sia itala ĝemelurbo Florenco, pro okazo de la 91-a UK; la urbodomo de Florenco oficiale akceptis reprezentantojn de kelkaj ĝemelaj urboj dum la kongreso. Post longa klopodado s-ro HORI Yasuo, prezidanto de KAEM, finfine kontaktis la italan ĝemelurbon Orvieto de Maebaŝi, kie li loĝas, kaj dum la kongreso ĝuis varman akcepton de la urbestro de Orvieto.

56 gesamideanoj partoprenis la jaran kunvenon de ĝemelaj urboj Alkmaar (Nederlando), Darmstadt (Germanio), Chesterfield (Britio) kaj Troyes (Francio) organizitan de la grupo Esperanto 10 inter la 25-a kaj la 28-a de majo en Troyes.

De la 2-a ĝis la 5-a de junio okazis la 100-jara Jubileo de Germana Esperanto-Asocio (GEA) kaj la 83-a Germana Kongreso de Esperanto, kaj estis aranĝita la temo " Kontaktoj inter ĝemelaj urboj por la estonteco de GEA. Inter la 22-a kaj 24-a de septembro Seatla Esperanto-Societo (Usono) festis sian la 100-an datrevenon kaj en la programo enkondukis planojn starigi Pacofosto(j)n kunage kun ĝemelaj urboj ĉirkaŭ la mondo.

En la 22-a de oktobro Kioto-Zagreba Asocio festis la 25- jariĝon de ĝemeliĝo de la du urboj. La invitita d-ro Drago Stanbuk por prelego, kroata ambasadoro en Japanio, bone scias Esperanton, ĉar li bone konis esperantistojn, ekz. s-ino Spomenka Štimec, kaj havis infanlibron "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapiĉ" tradukitan en japanan lingvon de japana esperantisto el Esperanto.

Inter la 10-a kaj 12-a de novembro Milana Esperanto-Klubo (MEK) festis sian centjariĝon. La klubo de la germana ĝemela urbo Frankfurto ĉeestis ĝin per sia prezidantino s-anino Monika Finnegan-Reuss kaj alia membro. La E-Kluboj de la ĝemelaj urboj Leipzigo, Sankta Peterburgo kaj Ŝikago sendis oficialajn gratulojn kaj bondezirojn. Krome MEK ankaŭ tenas regulaj kontaktojn kun tiuj kluboj en ĝemelaj urboj Barcelono, Sankta Paŭlo (Brazilo), Liono, Osaka kaj Israelo per korespondo, bultenoj ktp.

La rilatoj inter la Internacia Societo de la Universala Paco (ISUP) kaj la Burundia registaro reakiris privilegian kadron de kunlaboro precipe tra la instruado kaj la difuzo de internacia lingvo Esperanto je ĉiu niveloj kaj en ĉiuj spiritaj kaj materialaj kampoj de diversaj homaj agadoj en Burundio.

2.2 La ekzistantaj problemoj

2.3 propagando

En 2006 kelkaj samideanoj en siaj mesaĝoj diris, ke ili tamen ne sciis ĝian enhavon kvankam ili en la revuo Esperanto kaj Jarlibro sciis, ke ekzistis la projekto "Ĝemelaj Urboj" en UEA. Tio refoje reliefigis konsekvencon de la nesufiĉa propagando.

2.4 Informoj

Kun evoluo de la projekto plimultaj samideanoj rigardas ĝin kaj esperas multon el ĝi. Ili porekzemple tre volas scii kiuj urboj ĝemeliĝis kun la urboj en kiuj ili loĝas, kaj en kiuj ĝemelaj urboj estas esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj ktp. Dume UEA kaj la komsiito ne povas havi sufiĉajn kaj plikompletajn informojn pri tiu ĉi kampo.

2. 5 Dokumento-formo starigi ĝemelajn urbojn

Iuj samideanoj menciis en siaj mesaĝoj dokumento-formon starigi ĝemelajn urbojn. UEA ne havas tian ekzemplon uzatan kiel referencon.

2.6 La Publika Letero al Urbestroj

Ĝis la fino de la jaro 2006 esperantistoj el nur kelkaj landoj al la letero reagis.

**3. proponoj al laboroj en 2007**

(1) konsideri eldonon de la libr(et)o "UEA kaj Ĝemelaj Urboj" (2002-2007). Tio ne nur suplementas la nesufiĉon, ke la projekto ne havas oficialan paperan eldonaĵon depost sia starigo en 2002 kaj prezentas al esperantistoj informo-broŝuron pri ĝemelaj urboj, sed ankaŭ kontribuas al la 100-jara Jubileo de UEA okazonta en 2008.

(2) plenumi enketon pri ĝemelaj urboj inter esperantistoj antaŭ la fino de 2007 kaj redakti tiun rezulton en la libr(et)o "UEA kaj Ĝemelaj Urboj" kiel informon. Kelkaj mesaĝoj el esperantistoj pruvis, ke la enketo estas necesa

(3) daŭre instigi la esperantistojn transdoni La Publikan Leteron al urbestroj por vastigi la influon de la projekto.

(4) konsideri provskribi dokumento-formon por starigi ĝemelajn urbojn, sed nur kiel referenco por la uzonto, ĉar ĉiulando havas propran kulturon, regulon, leĝon kaj eksterlandan politikon.

INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Vizito al la japana ĝemela urbo Kobe**

Laŭ Invito de Kobe Esperanto-Societo s-ro Han Zuwu, prezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio (TEA), Ĉinio, kaj s-ro Song Jingquan, ĝenerala sekretario de TEA kaj ankaŭ invito de invit-projekto de JEI por la 92-a UK, vizitis la japanan ĝemelan urbon Kobe antaŭ ol partopreni la 92-an UK en Jokohamo. Ĉe la flughaveno ili estis akceptitaj de s-ro Kimura Ezi, prezidanto de Kobe Esperanto-Societo (KES), kaj s-ro Nakamiti Tamihiro, ĝenerala sekretario de KES. Dum Kobe ili trifoje kunsidis kun tieaj esperantistoj. Ili donis en la kunsidoj tri proponojn: (1) plie interŝanĝi informojn pri Esperanto-movado en ambaŭ urboj; (2) pli praktiki la reciprokan viziton laŭ la antaŭe interkonsenta decido pri egala akcepto je nombro de vizitantoj, periodo kaj kampoj; (3) vastigi kampon de ambaŭa kunlaboro, t.e. la kunlaboro etendiĝas de Esperanto-flanko al turismo, eduko, scienco kaj tekniko, kaj komerco ktp. S-ro Song Jingquan en nomo de TEA invitis KES plu viziti Tianjin en la venonta jaro. KES konsentis pri la supremenciitaj proponoj kaj decidis plue diskuti pri ili por studi kaj efektivigi ilin, kaj esprimis, ke ili sendos delegitojn plenumi la venontan viziton al Tianjin.

Dum Kobe ili estis varme akceptitaj de la urbestro de Kobe. Ili donacis memraraĵojn al la urbestroj, inkluzive standardon de TEA, Gvidlibron de Tianjin (Esperanta), poŝtkartojn pri Tianjin, ĉinstilan pentrajon kaj Esperantan medalon. Ankaŭ la gvidantoj de Kyogo Internacia Asocio akceptis ilin. Post sukcesa vizito al Japanio ili opiniis, ke montriĝis la praktika funkcio de Esperanto en apliko, kaj Esperanto ne nur estis uzata kiel lingva ilo en internacia interkomunikado, sed ankaŭ kunlabore kun aliaj kampoj povis plenumi akademiajn interŝanĝojn de fakoj kaj efektivigon de aliaj koncernaj programoj. ---el raporto de Han Zuwu

**Esperantistoj de la provinco Shandong en la gubernio Wakayama**

La provinco Shandong, Ĉinio, havas ĝemelan rilaton kun la gubernio Wakayama, Japanio. Antaŭ la 92-a UK s-ro Egawa Harukuni aranĝis al sia loĝurbo Wakayama la viziton de s-ro Sun Mingxiao, vic-prezidanto de Shandong-a Esperanto-Asocio, kaj aliajn tri samideanojn. Ili vizitis Wagayama Medicinan Universitaton kaj ĝian hospitalon, kaj Wagayama Internacian Centron. S-ro Fukomoto regalis ilin en Japanstila restoracio. Ankaŭ sub la gvido de s- ro Egawa Harukuni ili vojaĝis en Kioto, iama ĉefurbo de Japanio. ---el raporto de Sun Mingxiao

*************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto “Ĝemelaj Urboj”
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn